1478. Lucien LAINÉ (industriisto), rue St-Louis, Beauvais (Oise), Francujo.
1479. L. PLANCHENAULT (fabrikanto), rue des Panoyaux 55, Paris, Francujo.
1480. Georges SIRKIS (drogisto), rue d'Ormesson 6, Paris, Francujo.
1481. S-ino Simone PERRET (oficistino), boulevard des Batignolles 102, Paris, Francujo.
1482. Vincent CHAUSSEGROS, place Jussieu 3, Paris-V, Francujo.
1483. Marc DARNAULT, rue Lafayette 222, Paris, Francujo.
1484. Georges GIROUD, quai Rennequin-Sualem, Bougival (S.-et-O.), Francujo.
1485. César GALLEGO-CORTINA (oficisto), Alba 2-1er-2°, Barcelona (G), Hispanujo.
1486. W. J. RAYSON, Old Road 40, Headington, Oxford, Anglujo.
1487. Félicien WITTLIN, ĉe s-ro Borel, quai Claude-Bernard, Lyon (Rhône), Francujo.
1488. S-ino Lily G. TYLER, Charlton Road 68, Kenton, Middlesex, Anglujo.
1489. F-ino E. F. PARAIGE, Woronzow Road 10, London N. W. 8, Anglujo.
1490. L. R. PISSARRO, rue Girardon 14, Paris-XVIII, Francujo.
1491. F-ino Hermina BERTIG, Rakowicka 19, Kraków, Polujo.
1492. F-ino Olive N. TYLER, Charlton Road 68, Kenton, Middlesex, Anglujo.
1493. Albert GERMAINE (instruisto), square Thiers 9, St-Denis (Seine), Francujo.
1494. S-ino Suzanne MAREIGNER, rue Carpeaux 1 bis, Paris-XVIII, Francujo.
1495. Joseph NELS (kontisto), rue Tholozé 20, Paris-XVIII, Francujo.
1496. Raymond LAVAL (inĝeniero), avenue de la Fourchette 5, Champigny-sur-Marne (Seine), Francujo.
1497. D-ro Julian LOYOLA-GALAR (kuracisto), Breton de los Herreros 6, Logrono, Hispanujo.
1498. S-ino Candida Perea DE LOYOLA, Breton de los Herreros 6, Logrono, Hispanujo.
1499. Jan KOOPAL (mekanikisto), Bleekerstraat 126, Leeuwarden, Holando.
1500. Lammert POT (mekanikisto), 2° Koestraat 30, Leeuwarden, Holando.
1501. VUIBERT (eldonisto-libristo), rue des Ecoles 26, Paris-V, Francujo.
1502. H. BELMUSTAKOV, Gor. Orehovica, Bulgarujo.
1503. S-ino L. BIJLEVELD, Adriaan Pauwstraat 12, s'Gravenhage, Holando.
1504. Eŭgeno AISBERG (ĉefredaktoro), rue Le Goff 6, Paris-V, Francujo.
1505. F-ino Jeanne DUJARDIN (reklamistino), rue Curiol 61, Marseille, Francujo.
1506. Marko NEŠIĆ (muzikisto kaj oficisto), Despota Zovana ulica 13, Novi Sad, Jugoslavujo.
1507. S-ino Henriette ITH (sekretariino), rue Servette 79, Genève, Svisujo.
1508. Rafael VIZCAINO (bankoficisto), Banco Hispano-Americano, Gandia (Valencia), Hispanujo.
1509. S-ino Isolina VIZCAINO, Banco Hispano-Americano, Gandia (Valencia), Hispanujo.
1510. S. IPPEN, Ellerstr. 121, Düsseldorf, Germanujo.
1511. S-ino Josefino VIZCAINO, Banco Hispano-Americano, Gandia (Valencia), Hispanujo.
1512. D-ro A. GROS, Apt (Vaucluse), Francujo.
1513. François MACÉ (inspektoro de speciala polico), rue Asselis 104, Cherbourg (Manche), Francujo.
1514. André LEFRAND (kasisto), rue Maréchal-Joffre 99, Bougival (S.-et-O.), Francujo.
1515. Franz TRZOSKA (pianisto), Birkenallee 14, Danzig-Langfuhr, Libera Urbo Danzig.
1516. Josef BOLKART, Imhofstr. 57/I, Augsburg, Germanujo.
1517. Léonce GAILLARD (librovendisto), rue Monge 53, Paris-V, Francujo.
1518. F-ino Simone ZADOC-KAHN, rue de Passy 1, Paris-XVI, Francujo.
1519. S-ino Maria KLEINBERGER (oficistino), Márton u. 13/II/38, Budapest-IX, Hungarujo.
1520. Louis URBAIN (kontrolisto), rue Jean-Nicot 16, Pantin (Seine), Francujo.
1521. F-ino Margit FELDMANOVA (ŝtata instruistino), Ulica Janka Krála 9, Zlaté Moravce (Slovensko), Ĉeĥoslovakujo.
1522. René DELATTRE, rue de l'Hôtel-de-Ville 8, Rueil-Malmaison (S.-et-O.), Francujo.
1523. F-ino Camille VITOUX (instruistino), rue Voltaire 30, Genève (Svisujo).
1524. F-ino Suzanne BOPP (instruistino), rue des Peupliers 18, Genève, Svisujo.
1525. Oscar VAN SCHOOR (farmaciisto), rue Vondel 20, Antwerpen, Belgujo.
1526. S-ino Louise MOYER, rue Milkomine 34, Valenciennes (Nord), Francujo.
1527. F-ino Fernande BARRET (instruistino), boulevard Carpeaux 37, Valenciennes (Nord), Francujo.
1528. S-ino Jeanne BLONDEAU (komercistino), rue de la Saule, à La Saule, Montceau-les-Mines (Saône-et-Loire), Francujo.
1529. Claude BLONDEAU (komercisto), rue de la Saule, à La Saule, Montceau-les-Mines (Saône-et-Loire), Francujo.
1530. Jean BADAUT, rue de la Gare 1, Montceau-les-Mines (S.-et-L.), Francujo.
1531. Johan C. VAN SOEREN, Hilversum, Holando.
1532. Alfred AGACHE (arkitekto), rue Eugène-Flachat 11, Paris, Francujo.
1533. S-ro Georges GASSOT, rue de Limare 6, Orléans (Loiret), Francujo.
1534. S-ino Anna BOTMANN, Weickshof, Köln, Germanujo.

1535. S-ino G. BONNET (sekretariino), rue de la Glacière 97, Paris, Francujo.
1536. ESPERANTO-GRUPO DE LILLE, ĉe s-ro Savary, rue de Lille 25, La Madeleine (Nord), Francujo.
1537. ESPERANTO-GRUPO DE LYON, ĉe s-ino Farges, Lyon (Rhône), Francujo.
1538. ESPERANTO-GRUPO DE LYON, ĉe s-ino Farges, Lyon (Rhône), Francujo.
1539. S-ino AGAR DE LAJARLAINE (verkistino), rue Fernand-Forest 65, Suresnes (Seine), Francujo.
1540. Bruno GAHLER (seruristo), Talstrasse 3/III, Gablonz an der Neisse (Böhmen), Ĉeĥoslovakujo.
1541. Louis SYSTERMANS (fervojisto), rue Duhesme 21 bis, Paris, Francujo.
1542. S-ino Henriette DE COUSMONT, boulevard Aug.-Raynaud 60, Nice (A.-M.), Francujo.
1543. Gaston BACHELIER (oficisto), rue de Paris 78, Charenton (Seine), Francujo,
1544. Anton MINAUF (instruisto), Semriach bei Gratz, Aŭstrujo.
1545. F. H. MESSER (vendisto), Winchester Road, Oxford, Anglujo.
1546. S-ino Viktorino LICHTENWALLNER (instruistino), Tomŝiĉeva c. 21, Maribor, Jugoslavujo.
1547. F-ino Vera KAUTZNER (fervoja oficistino), Tomŝiĉeva ulica 21, Maribor, Jugoslavujo.
1548. Gustaw DOKTORCZYK (komercisto), Magistracka 14, Lodz, Polujo.
1549. Alphonse LANG (mekanikisto), rue Baltus 2, Strasbourg (Bas-Rhin), Francujo.
1550. S-ino MOELLER, Calanderstr. 4, Bergen (Rügen), Germanujo.
1551. F-ino Elisabeth POHL, Weststr. 5, Dresden A 29, Germanujo.
1552. Georges MILLET (reĝisoro), « Les Madères », La Ferté-St-Aubin (Loiret), Francujo.
1553. Alois BARTA (radio-telegrafisto), Medlanky 103, Brno, Ĉeĥoslovakujo.
1554. F-ino Jeanne BARAT (instruistino), rue des Rapporteurs 13, Arras (P.-de-C.), Francujo.
1555. D-ro Augustin PITLIK (supera sekretario de la Komerca Ministerio), Kremensová 17, Praha, Ĉeĥoslovakujo.
1556. F-ino Anna TARANTIKOVA, Panska 10, Praha-II, Ĉeĥoslovakujo.
1557. František HEIKENWÄLDER, Masarykovo nam. 4, Prostejov, Ĉeĥoslovakujo.
1558. Hermine Höss (oficistino), Syringgasse 5/2, Wien-XVII, Aŭstrujo.
1559. F-ino Mathilde SPIRGIS, Raina 34, Jelgava, Latvujo.
1560. F-ino Elly NEUMANN (ŝtatoficistino), Soo 16-4, Tallinn, Estonujo.
1561. BIANCO, Genova, Italujo.
1562. Agostino CELORIA (pastro), Casale Monferrato, Italujo.
1563. Adolf MALIĈEK (oficisto), Divišova ulice 11, Prostejov, Ĉeĥoslovakujo.
1564. František KUĈERA (komercisto), Kunovice apud M. Hradište, Ĉeĥoslovakujo.
1565. F-ino E. TUDOT, rue de Grenelle 123, Paris, Francujo.
1566. F-ino Jeanne LADEBEZE, Alger, Alĝerio.
1567. F-ino Gabriele PETERSON, 27/II Luvalaia, Tallinn, Estonujo.
1568. S-ino Lidia RUDAKOVA, 14/1 Joala, Narva, Estonujo.
1569. S-ino S. E. BERSON, 14/5 Joala, Narva, Estonujo.
1570. Rudolf HANZLIK, Na Rybnicku 5, Liberec, Bohemio, Ĉeĥoslovakujo.
1571. F-ino Adele LÄLL, 28/3, Alberti, Tallin, Estonujo.
1572. S-ino Frida DREVERK, 14 Nurme, Nomme, Estonujo.
1573. F-ino Regina LUBECK, 10 Maneezi, Tallinn, Estonujo.
1574. S-ino Alice FEINMANN, 10 Foom Kuninga, Tallinn, Estonujo.
1575. F-ino Helgrid KEERIG, 6/3 Kuninga, Tallinn, Estonujo.
1576. S-ino Marie EICHENTHAL, 6/3 Kuninga, Tallinn, Estonujo.
1577. S-ino Selsna KEERIG, 6/3 Kuninga, Tallinn, Estonujo.
1578. S-ino Luise EICHENTHAL, 6/3 Kuninga, Tallinn, Estonujo.
1579. Konstantin HALLIN, 10 Nigrlirt, Tallinn, Estonujo.
1580. S-ino Helmi DREZEN, Postcast 6, Tallinn, Estonujo.
1581. S-ino Elise SCHWARTZ, Herrengasse 17, Jägerndorf, Silezio, Ĉeĥoslovakujo.
1582. A. OSLZLY, Stefanikova 14, Prostejov, Ĉeĥoslovakujo.
1583. LARREA.
1584. LARREA.
1585. INTERNACIA LABOR-OFICEJO (s-ro Hediger), Genève, Svisujo.
1586. S-ino Bertie ROTTER-WASCHMANN, Oberring 21, Jägerndorf, Silezio, Ĉeĥoslovakujo.
1587. Jean BOURLET (komercisto), rue de Richelieu 8, Paris, Francujo.
1589. Karl ADAMEK (lernejestro), Zablati apud Neu-Oderberg, Silezio, Ĉeĥoslovakujo.
1590. V. MARZAL-MUSTIELES, Valencia, Hispanujo.
1591. SEMPERE-MARZAL, Valencia, Hispanujo.
1592. S-ino Camilla STARKE (aktorino), Minervaplatz 34, Nürnberg, Germanujo.
1593. Alexander STARKE (aktoro), Minervaplatz 34, Nürnberg, Germanujo.
1594. Josef SOCHA, Na Zambach 2, Litovel, Moravujo, Ĉeĥoslovakujo.

1595. S-ino Maria Čermakova, Na Zamkach 2, Litovel, Moravujo, Ĉeĥoslovakujo.
1596. Othon Glanz, Papeterie « Aupamühl », Bausnitz, Bohemio, Ĉeĥoslovakujo.
1597. Nicolaas de Boer, Loosduinschekade 260, Den Haag, Holando.
1598. Adolf Münz (komercisto), Leipzigerstr. 58, Berlin, Germanujo.
1599. S-ino Anni Singer, Oberring 3, Jägerndorf, Ĉeĥoslovakujo.
1600. Karl H. Brauer, Parnu M 4, Tallinn, Estonujo.
1601. S-ino Marie Ehrenberg, Jakobsoni 7/1, Tallinn, Estonujo.
1602. S-ino Veronika Eksta, u. Kalamaja 36/2, Tallinn, Estonujo.
1603. S-ino Louise Feodoroff (instruistino), Kentmanni 17/3, Tallinn, Estonujo.
1604. F-ino Emilia Kovacs, Felsö-Balokány 35, Pécs, Hungarujo.
1605. S-ino Faina Gutmann, Kaupmehe 6/1, Tallinn, Estonujo.
1606. Robert Gutmann, Kaupmehe 6/1, Tallinn, Estonujo.
1607. F-ino Eva Holst, Narva M. 42/4, Tallinn, Estonujo.
1608. F-ino Paula Irak, Tina 22/5, Tallinn, Estonujo.
1609. Aleksander Kaasik, Laine 5/1, Tallinn, Estonujo.
1610. F-ino Asta E. Keerig, Kuninga 6/3, Tallinn, Estonujo.
1611. Aleksander Kirikal, Tehnika 5/9, Tallinn, Estonujo.
1612. Leo Kuus, Kohleri 9/2, Tallinn, Estonujo.
1613. S-ino Benita Lauristin, S. Soorensi 4/1, Tallinn, Estonujo.
1614. F-ino Vanda E. Numelin, Jakobsoni 38/4, Tallinn, Estonujo.
1615. S-ino Helmi H. Paldrock, Tohu 13/2, Tallinn, Estonujo.
1616. Richard Roots, Linna Keskhaigla, Tallinn, Estonujo.
1617. Friidik Teinmann, T. Kuninga 10/1, Tallinn, Estonujo.
1618. F-ino Erika Viidas, S. Parnu M. 32 A, Nomme, Estonujo.
1619. F-ino Herta Viidas, S. Parnu M. 32 A, Nomme, Estonujo.
1620. D-ro Franz Christanell, Gaisbergstr. 7, Salzburg, Aŭstrujo.
1621. F-ino Adèle Gobiet (sekretariino), Papendroecht, Holando.
1629. Walter Pawelski, Brunowstr. 30 e, Berlin-Tegel, Germanujo.
1630. Georg Pfaff (fertornisto), Heinrich Meister-Allee 1, Hannover, Germanujo.
1631. Carl Müller, Augustastr. 2/II, Görlitz, Schlesien, Germanujo.
1632. Eduard Herrmann (fervojisto), Kleine Schlossteichstr. 1, Königsberg i. Preussen, Germanujo.
1633. S-ino Alice Sorel, rue d'Orléans 1, Neuilly-sur-Seine, Francujo.
1634. Friedr. Birkholz (inĝeniero), Börgermoor bei Papenburg, Hannover, Germanujo.
1635. Carl Walter, Hohenzollernstr. 11, Berlin W 10, Germanujo.
1636. Leo Brieger (ĵurnalisto kaj komercisto), poŝtfako 4, Breslau-I, Germanujo.
1637. Wilhelm Schmeisser, Neue Stuttgarterstr. 12, Stuttgart-Botnaug, Germanujo.
1638. Paul Christaller (profesoro), Neue Weinsteige 61, Stuttgart, Germanujo.
1639. S-ino Ruth Koopmann, Stiftstrasse 11, Geseke, Westfalen, Germanujo.
1640. Walter Koopmann, Stiftstrasse 11, Geseke, Westfalen, Germanujo.
1641. Emile Fallek (komercisto), rue des Vignes 62, Paris, Francujo.
1642. Emilie Hasbach (poŝtoficistino), Simon Meisterstr. 19 d., Köln, Germanujo.
1643. Mathias Pitz (kalkulkonsilisto), Leostrasse 5, Köln-Ehrenfeld, Germanujo.
1644. S-ino Anna Berger (sekretariino), Brandenburgerstr. 1, Köln, Germanujo.
1645. Joseph Berger (redaktoro), Brandenburgerstr. 1, Köln, Germanujo.
1646. Wilhelm Simons (instruisto), Burgstr. 195, Köln-Höhenberg, Germanujo.
1647. S-ino Anni Klein, Blücherstr. 37, Duisburg, Germanujo.
1648. S-ino Frieda Klinger (instruistino), Bernsdorferstr. 37, Chemnitz, Germanujo.
1649. Hans Klein, Blücherstr. 41, Duisburg-Hochfeld, Germanujo.
1650. F-ino Gertrudis Triebau, Sandgrube 29, Danzig, Libera Urbo Danzig.
1651. S-ino Rosa Singer, Oberring 3, Jägerndorf, Ĉeĥoslovakujo.
1652. Hermann Korell, Schillerpl. 4, Langebrück bei Dresden, Germanujo.
1653. Wilbert, Siegesstr. 28, Köln-Deutz, Germanujo.
1654. Jozef Kozeny (instruisto), Mlada Boleslav, Ĉeĥoslovakujo.
1655. F-ino Bozena Ŝrajerová (instruistino), Mlada Boleslav, Ĉeĥoslovakujo.
1656. Walter Hahn (lernejestro), Schillerstr. 28, Gohlis-Dresden, Germanujo.
1657. S-ino Frida Hahn, Schillerstr. 28, Gohlis-Dresden, Germanujo.
1658. S-ino Leonora F. Stoeppler (instruistino), West 94 th Street, New York, Usono.
1659. F-ino Elisabeth Pagel, Kietzstr. 1, Potsdam, Germanujo.
1660. F-ino Hildegard Nickel (ŝtata oficistino), Blücherplatz 2, Potsdam, Germanujo.

1661. F-ino Herta Franck (telegrafa oficistino), Horstweg 12 a, Berlin-Charlottenburg, Germanujo.
1662. Albert Einig (instruisto), Hauptstr. 18, Leubsdorf a. Rhein, Germanujo.
1663. Oskar Bühring (eks-fervojoficisto), Treitschkestr. 23/II, Leipzig-N. 22, Germanujo.
1664. S-ino Elisabeth Bürger, Kaiserin-Augusta-str. 27/II, Leipzig-S. 3, Germanujo.
1665. Wilhelm Stoffregen (arkitekto), Oststr. 19 a, Bitterfeld-Zscherndorf, Germanujo.
1666. Georg Hirsch (oficisto), Alte Poststr. 5, Ansbach, Bayern, Germanujo.
1667. S-ino Anna Bourmann, Köln a/Rh., Germanujo.
1668. Hans Brinkkötter, Rossbachstr. 30, Hamm, Westfalen, Germanujo.
1669. S-ino Gertrud Friers, Neuchatellerst. 20 a, Berlin-Lichterfelde, Germanujo.
1670. Heinz Schäferhoff, Memelerstr. 7, Hamm, Westfalen, Germanujo.
1671. F-ino Johanna Eyck (sekretariino), Lenbachstr. 6 a, Berlin-Steglitz, Germanujo.
1672. F-ino Käthe Gödde, Wetlerweg 8, Ahlen, Westfalen, Germanujo.
1673. F-ino Ilse Raczek, Nordstr. 15, Ahlen, Westfalen, Germanujo.
1674. D-ro Jozef Fousek, Prelouc, Bohemio, Ĉeĥoslovakujo.
1675. S-ino Marie Fouskova, Prelouc, Bohemio, Ĉeĥoslovakujo.
1676. Otto Ginz, Stárkova 4, Praha II, Ĉeĥoslovakujo.
1678. S-ino Manka Ginzova, Stárkova 4, Praha II, Ĉeĥoslovakujo.
1682. S-ino Ruzena Herzigova, Karlova 8, Praha XI, Ĉeĥoslovakujo.
1683. W. W. Carpenter, P. O. B. 82, Escondido, Cal., Usono.
1685. Tibor Czitrom (jurnalisto), Hentes utca 17, Budapest, Hungarujo.
1687. Ivica Petric (komercisto), Aleksandrova 22, Derventa, Jugoslavujo.
1688. A. J. Le Blanc (inĝeniero), rue Desbordes Valmore 50, Paris, Francujo.
1689. J. B. Borschert, Hamburgerstr. 2/12, Berlin, Germanujo.
1690. Marta Everts (instruistino), Kurtstr. 2, Essen, Germanujo.
1693. S-ino Annie Fuchs (oficistino), Overbeckstr. 54, Köln-Ehrenfeld, Germanujo.
1694. Paul Hübner (inĝeniero), Pölkenstr. 4, Quedlinburg, Germanujo.
1695. Thomas Klein, Schlüsselgasse 7, Bingen a/Rh., Germanujo.
1696. Ludwig Kolb (instruisto), Luisenstr. 12, Ludwigshafen a/R., Germanujo.
1698. F-ino Marie Laade (sekretariino), Borstellstr. 22, Berlin-Südende, Germanujo.
1699. Otto Pilhofer (komercisto), Mögeldorfer Hauptstr. 2, Nürnberg-O., Germanujo.
1700. S-ino Käthe Pilhofer, Mögeldorfer Hauptstr. 2, Nürnberg-O., Germanujo.
1701. S-ino Hedwig Werner, Patschkauerstr. 21, Ottmachau, Ober-Schlesien, Germanujo.
1702. Karl Werner (komercisto), Patschkauerstr. 21, Ottmachau, Ober-Schlesien, Germanujo.
1704. F-ino G. Schütze, Schönebergerufer 11, Berlin, Germanujo.
1705. August Schütte (instruisto), Sonntagstr. 21/III, Berlin O. 112, Germanujo.
1706. Heinz Schneider (kompostisto), Rotdornweg 10, Köln-Bickendorf, Germanujo.
1707. F-ino K. Schindler, Weststr. 5, Dresden-A-Omsewitz, Germanujo.
1709. Heinz Pfeiffer, Königsstr. 57/II, Halle a/d Saale, Germanujo.
1710. F-ino G. Osten, Eppendorfer Landstr. 92, Hamburg, Germanujo.
1711. F-ino Charlotte Ostertag (sekretariino), Grimmstr. 11, Augsburg, Germanujo.
1712. F-ino Helene Janda (kontistino), Ludwigslust, Mecklenburg, Germanujo.
1713. D-ro Liebeck (advokato), Taubenstr. 32, Berlin W/8, Germanujo.
1714. S-ino Louise Renken, Häfen 26, Bremen, Germanujo.
1715. W. F. A. Mudde, De Clercqstraat 85, Amsterdam, Holando.
1716. S-ino Maria Elkan, Immermannstr. 58, Düsseldorf, Germanujo.
1717. S-ino Margareta Kalocsay, Maria u. 34/III/4, Budapest, Hungarujo.
1718. D-ro K. Kalocsay (kuracisto), Maria u. 34/III/4, Budapest, Hungarujo.

**Laŭlanda Statistiko :** Alĝerio, 3 ; Argentino, 1 ; Armenujo, 1 ; Aŭstrujo, 11 ; Belgujo, 60 ; Brazilo, 1 ; Bulgarujo, 2 ; Ĉeĥoslovakujo, 67 ; Danujo, 3 ; Libera Urbo Danzig, 6 ; Estonujo, 35 ; Finlando, 1 ; Francujo, 545 ; Germanujo, 191 ; Granda Britujo, 173 ; Grekujo, 1 ; Hispanujo, 42 ; Holando, 190 ; Hungarujo, 27 ; Libera Ŝtato de Irlando, 3 ; Italujo, 56 ; Japanujo 3 ; Jugoslavujo, 11 ; Latvujo, 2 ; Litovujo, 1 ; Maroko, 2 ; Norvegujo, 25 ; Palestino, 1 ; Polujo, 31 ; Rumanujo, 6 ; Saar-Teritorio, 7 ; Sovet-Rusujo, 2 ; Svedujo, 53 ; Svisujo, 47 ; Turkujo, 1 ; Usono, 7.

**Entute, 1.618 kongresanoj el 36 landoj.**

L. N. Newell,
*Generala Sekretario de la L. K. K.*

# Nediskretaj Rimarkoj

## KELKAJ RAPIDAJ IMPRESOJ PRI LA KONGRESO

« FINE ĝi finiĝis ! » Per tiu kora krio multaj (kaj mi mem inter ili) salutis la finon de la XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto. Sed tiu krio ne estis kaŭzita de la enuo, kontraŭe — de la tro longdaŭra festo : oni estis lacaj, lacegaj, kaj jen oni povos dormi kaj ripozi.

Mi kiu (mi tion nun konfesas) estis skeptikulo, mi ĉeestis veran internacian solenon, plenplene sukcesintan, malgraŭ kelkaj malhelaj punktoj. Sed, ĉu povas esti ĝojo sen almenaŭ ioma samtempa malĝojeto ?... Cetere, se estis tiel, kulpaj estas nur la kongresanoj, kiuj ne konscias la grandegan kaj malfacilan taskon de la organizantoj. Iom pli da disciplino kaj antaŭzorgo, samtempe iom pli da kompreno pri klopodoj kaj penoj de la L. K. K.-anoj estas dezirindaj ĉe la kongresanoj, ĉar la bona sukceso de niaj kongresoj dependas precipe de la kongres-amaso.

***

Do, jam vendrede sindonaj esperantistoj kaj ĉarmaj samideaninoj dejoris ĉe parizaj stacidomoj kaj sabate eksvarmis la kongresejo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj pro el ĉiuj partoj de l' mondo veninta popolo. La fama ĉambro M (sekretariejo) fariĝis tro malgranda por la kvanto da vizitantoj kaj la sekretari-oficistoj kies ĉefo, la ĝenerala sekretario, subite ekmalsanis, estis veraj herooj sub tiu verdstela invado. Kaj jen kelkaj plendoj, kelkaj malkontentoj — sed rapide ĉio eniris en ordon. Dume, la Societo Franca por la Propagando de Esperanto kunigis en la sama domo sian nacian kongreson : la francaj delegitoj ricevis lastajn instrukciojn koncerne la organizan demandon (la ĉefa punkto de la Universala Kongreso). Vespere, dum ĉe la stacidomoj oni atendis la laste alvenontajn kongresanojn, tiuj kiuj jam alvenis gaje interkonatiĝis, dancante ĉe la Interkonatiĝa Vespero en la belega dancsalono de la kongresejo sub influo de la « pick-up » muziko. La dancado estis cetere unu el karakterizaj trajtoj de la Kongreso : oni dancis ĉie, ĉiuvespere, en la Maison de la Mutualité, en Montmartre aŭ alie — oni dancis eĉ la Esperon kaj la « himnistoj » estis certe kontentaj — plurajn tagojn post la Kongreso mi ankoraŭ havis en la kapo la melodion de nia himno. Certe tiu Kongreso estis « Esper-danc' »-Kongreso — rezultoj pruvis, ke oni prave gaje dancis.

***

La Solena Malferma Kunsido estis vere grandioza manifestacio. La belega amfiteatro de Richelieu estis plenplena : ĉirkaŭ tri mil personoj sin premis tie kaj multaj devis stari dum la tuta daŭro de la ceremonio. Kiam ĉe l' sonoj de la « Marseillaise » eniris en la salonon la oficialaj reprezentantoj de la Prezidanto de la Franca Respubliko, de la ĉefministro kaj de la ministro de la Nacia Edukado kune kun la reprezentantoj de dek unu ŝtatoj, mi pensis pri la tempo kiam ministro Bérard... kaj mi konsciis la grandegan paŝon, kiun nia ideo antaŭ-iris sur la vojo de la definitiva venko. La skeptikuloj kiuj povis troviĝi inter la neesperantista publiko certe konvinkiĝis, kiam ili aŭdis la oficialan reprezentanton de la Brazila Respubliko, kiu unu horon antaŭe sciis nek unu vorton de nia lingvo, saluti la Kongreson en Esperanto. Tre emociiga ankaŭ estis la ĉeesto de la 92-jara s-ino Tuschinski el Danzig, kiun la tuta Kongreso kun respektaj sentoj salutis.

La « Espero » vigle ludata de la militista muziko kaj stare kunkantata de ĉiuj ĉeestantoj finis la malferman kunvenon kaj inaŭguris la ciklon pri kiu mi supre parolis.

***

Jen ni sidas en la teatro. La loko apud mi, kie mi esperis trovi ĉarman samideaninon, estis libera : ŝi preferis societon de alia (kaj li ŝajnis al mi tiam tute ne ĉarma) samideano... Nu, diru, kiel en tiaj cirkonstancoj mi povis juĝi la teatraĵon ? Kompreneble, ĉio estis malbona : la artistoj, la akustiko, la optiko, la teatraĵo, la ĉeestantoj, ŝi kaj mi mem !... Malfeliĉe, mi eksciis poste, ke multaj kongresanoj malfavore juĝis la teatraĵon. Ĉu eble al ili ankaŭ okazis sama malagrablaĵo ?...

Des pli bone (ĉar ĉi tiun fojon ŝi estis apud mi) sukcesis la « Vespero » de la « Literatura Mondo ». Multajn gratulojn al la organizantoj. Bedaŭrinde nur, oni ne sufiĉe bone komprenis Kalocsay : ĉu pro tio, ke li prelegis sidante kaj legante ?... Veran triumfon rikoltis Nikolao Hovorka per sia verva kaj talenta deklamo de originala poemo. Lejzerowicz ankaŭ pere de la buŝo de Julio Baghy havis grandan sukceson. Sed kial Julio Baghy prezentis nek unu el siaj verkoj ? Rimarkinde estas ankaŭ, ke Raymond Schwartz speciale por tiu vespero metis puran ĉemizon (por rimi kun Parizo). Verŝajne Jean Forge intervjuis lin pri tiu grava fakto kaj ni legos eble en la « Literatura Mondo » kelkajn detalojn pri la tualeto de nia ĉefredaktoro.

***

Ekskurso al Versailles, ekskurso al Fontainebleau, ekskurso al St-Cloud... jen, forportitaj el Parizo, la kongresanoj povis ĝui iom da freŝa aero kaj funkciigi la foto-aparatojn.

Sed multe pri gravaj laŭ propaganda vidpunkto estis la akceptoj en « Galeries Lafayette » (bonega « lunĉo »), en la Komerca Ĉambro (bonegaj « aperitivoj » : mi konas ĉarman anglan samideaninon, kiu trinkis sep da ili, ĉu rekordo ?) en la Urbdomo. Tie, la akcepto, en vastega kaj riĉega salono, estis vere impona kaj impresiga, kvazaŭ dua solena malfermo de l' Kongreso.

***

Subite en la kongresejo disvastiĝas grava novaĵo : revolucio, la internacia Konstitucio estas renversita, la Helsinki'a Kontrakto estas nuligita. Granda ĝojo sur preskaŭ ĉiuj vizaĝoj ; mi konfesas, ke estis tamen ankaŭ male. U. E. A. kunvokas specialan neoficialan kunvenon. Pro ĝuemo mi ĝin ĉeestas kaj mi konstatas, ke vere estas ŝanĝoj sub la Verda Stelo...

***

Internacia Balo — senpacience atendata de la plimulto el ni — fine plenigis grandegajn salonojn de la kongresejo. Dank' al la klopodoj de nia amiko Cligny kaj la kunhelpo de s-roj Pomérol kaj Moreau (el Arnhem) ĝi estis plena je gajeco. Ĝis la 6-a horo matene oni senlace dancadis, dum en apuda salono nedancantoj dronigis la soifon sub lerta konduko de Raymond Schwartz kaj Jean Marchand. Specialan (kaj meritan) sukceson havis nia eminenta I. C. K.-direktoro,

kiun dudeko da samideanoj triumfe promenis sur la tablo tra la tuta dancejo kaj ĝis la trinkejo, kie li cetere pruvis, ke li ankaŭ scias trinki... La subskribinto de ĉi-tiuj linioj honeste konfesas, ke li estis iom ebria kaj pro tio ne povas pli amplekse raporti pri la balo. Tamen li ne povas silenti pri la belega filmo pri Kolonjo prezentita en teatro, kien dancante oni kondukis la amuzemulojn, kaj li ne povas ne gratuli sincere la L. K. K.-anojn de la XXV-a.

* * *

Kaj jen la Ferma Kunsido... Malgaja... festo jam finita, belega sonĝo forfluginta... Adiaŭoj, lastaj kisoj... restas nur rememoroj kaj... esperoj pri la Kolonja Jubilea Kongreso...

Joseph Nels.

## La Esperantistoj konas la etiketon

La kongresanoj, kiuj partoprenis la lunĉon sur la terasoj de l' granda magazeno *Galeries Lafayette*, konservos agrablan rememoron pri tiu « supertegmenta » manĝo. Ili povis ankaŭ konstati, ke tiam, — kontraŭe al la Pariza kutimo — neniu kelnero, neniu kelnerino, alportis fakturon. Oni manĝis senpage.

Ĉu ne estus bele nun esprimi originalan dankon al la Direkcio de *Galeries Lafayette*?

Nia amiko Rumy havis tiun bonan ideon : ĉiu kongresano, kiu estis gasto de G. L. sendu nun el sia hejmlando per ilustrita karto (uzante diversvalorajn poŝtmarkojn) kelkajn dankvortojn al

Direkcio de Galeries Lafayette
Boulevard Haussmann
Paris-IX

Se ĉiu faras sian devon, se G. L. ricevos dum la sekvantaj tagoj 1618 kartojn el proksimume 40 diversaj landoj, la propagandefiko estos bonega, la gesto bela, kaj la tuta L. K. K. konsideros tion kiel pruvon, ke *ĉiuj* estis kontentaj pri la XXIV-a. Kie estas la sendankulo, kiu ne skribos tuj unu poŝtkarton ? Ne inter ni.



S-ro John Merchant parolas...

## Nia Titolo

Per la titolo de la lasta numero de la *Gazeto de la XXIV-a* ni prezentas la modernegan karakteron francan Bifur, kiu kaŭzis tre multajn diskutojn. Ĝia aŭtoro estas la bone konata pentristo Cassandre, kaj la gravuradon direktis Charles Peignot, filo de la kreinto de « Nicolas Cochin », « Grasset » kaj aliaj karakteroj, el kiuj ni prezentis jam kelkajn al niaj legantoj.

La principo de ĉi tiu karaktero estas tio, ke ĉiuj literoj de l' alfabeto diferenciĝas inter si nur per kelkaj elementoj ; ĉiuj aliaj elementoj estas senutila balasto. Krome, ĉiu litero alprenas sian ĝustan formon nur kiam ĝi troviĝas kun aliaj literoj, — tio estas, formas parton de vorto. Sekve en la individua litero de Bifur troviĝas nur tiuj elementoj, kiuj diferencigas ĝin de aliaj literoj.

La efekton povos juĝi la leganto per la nuna titolo, kiu estas kompostita kun maldika karaktero, kiu taŭge evidentigas la specialan econ de Bifur. Oni povas havi diversajn opiniojn pri la nova stilo ; restas la fakto, ke ĉiutage ĝi pli populariĝas en Francujo.

La kompostado kaj kliŝado de nia titolo estas faritaj de la fandejo Deberny & Peignot, kiu publikigis la karakteron Bifur en 1927.

E. V.

### Anoncetoj

S-ro G. Sirkis (adreso : 6, rue d'Ormesson, Paris-IV), kongresa gvidisto, treege petas, ke personoj, kiuj fotografis lin kaj kiuj donis al li sian adreson, bonvolu skribi al li, ĉar li perdis sian kongres-libron kun ĉiuj adresoj.

## FOTOGRAFAĴOJ
### de la XXIV-a Universala Kongreso

La kongresanoj, kiuj posedas fotografajojn de la kongreso (en Versailles, Fontainebleau, St-Cloud, ĉe Galeries Lafayette, dum akcepto ĉe Urbodomo, ĉe la Komerca Ĉambro, ĉe Institut Pasteur, k. a.) estas afable petataj sendi de ĉiu almenaŭ unu ekzempleron (aŭ kliŝon) por eventuala eldono de Memor-Albumo al la jena adreso :

S-ro C. Rousseau,
*L. K. K.-ano,*
*Ĝenerala Sekretario de la Maison de l'Esperanto,*
3, boulevard Pasteur, Paris-XV.



## La ĉefredaktoro estas kontenta

... El kio malicaj mokemuloj konkludos, ke mi estas tre (ili diros « tro ») facile kontentigebla ! Kontraŭ mokemuloj mi ne rajtas plendi.

Nun restas al mi plenumi agrablan taskon, ne nur konforme al konstanta kongreskutimo,




sed ankaŭ kaj ĉefe propramove : Mi esprimas koran dankon al ĉiuj helpemaj kunlaborintoj, precipe al la konstantaj Léon Belhoste (Elbe), Jean Marchand kaj Joseph Nels. Plue mi senretene deziras aserti, ke estas tre agrable kaj facile ĉefredaktori, kiam nia bona L. N. Newell teknike direktoras.

Raymond Schwartz.



Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris *Le Gérant :* Raymond Schwartz.